REVUE FRANÇAISE D'ESPÉRANTO

FRANCA ESPERANTISTO

Fondée en 1908 - 37e année - 3e série - N° 258 - MAI - JUIN 1969



## DIRI LA VERON

La unua komuna kongreso franca-germana, certe restos por la partoprenintoj unu el la plej sukcesaj kongresoj de la lastaj jaroj. Francoj kaj Germanoj, sed antaù ĉio EUROPANOJ, kuniĝis libere, kaj esprimiĝis pere de ununura interkomunikilo: ESPERANTO.

Tiun sukceson ni ŝuldas al S-ro Knecht, kiu senlace, pacience kaj ĉiam egalanimece, solvis ĉiujn problemojn, bone helpita de la LKK-anoj kaj de S-ro Heiss, el Oberkirch.

Starigo de komuna politiko rilate la informadon, la instruadon de esperanto, starigo de konstanta informoficejo en Strasbourg intence de la Eùropaj instancoj, jen pozitivaj atingaĵoj, kiuj devigos nin akceli nian nacian agadon.

Se oni aldonas la fakton ke, ne nur la gazetaro, radio kaj televido kiuj tre favore raportis, sed ankaù la oficialaj instancoj, nome la Ministro pri Nacia Edukado, kies reprezentanto estis, laù siaj propraj vortoj, "profunde impresiĝinta pri la kvalito de ĉiuj debatoj kaj la eblecoj de la internacia lingvo kiel esprimilo de abstraktaĵoj", oni rajtas esti optimista...Sed, ni ja ĉiuj konas la valoron de Esperanto, la plej taùga solvo por la interkompreniĝo inter la popoloj.

Fakte, nia ĉefa problemo, la problemo de UNUIĜO FRANCA por ESPERANTO estas, ke ĉiu el siaj membroj, respondeculoj aù ne, konsente kunlaboru por plifortigi la pozicion de nia landa asocio.

Tial, ne atendu de la estraro flataĵojn, blufajn parolojn aù promesojn,

Ni ĉiam diris kaj diros la VERON, eĉ se tio ne plaĉas al ĉiuj, ĉar ni plene fidas al tiuj, multnombraj (kaj ĉiam la samaj!), kiuj senĉese laboras streĉe kun ni, apogante ĉie kaj ĉiam la agadon de nia landa asocio. Niaj malfacilaĵoj permesis al ni kalkuli pri la sindonemo kaj la aganta simpatio de multaj amikoj. Tio estas por ni kuraĝiga fakto kiu certe havos favorajn konsekvencojn por la estonteco.

Al la federaciestroj, al la grupestroj, ni diras: "kuraĝigu unu la aliajn renkontiĝu, dialogu", kaj al la membroj: "pripensu ĉiutage dum kelkaj minutoj: kion mi povas fari por utili al U.F.E.?".

Ni ekakiru la necesan "bataleman spiriton"; kaj "ĝis revido en MONTE-KARLO, dum Pentekosto 1970...por la bilanco.

André BOURDEAUX

# FRANCA ESPERANTISTO

**OFICIALA ORGANO DE U.F.E. (Unuiĝo Franca por Esperanto)**
**34, Rue de Chabrol, Paris X° - C.C.P. 855-35 Paris**
ABONNEMENT ANNUEL : **30 Francs.** — Le Numéro : **3 Francs** (CCP 855-35 PARIS)

**Rédaction provisoire :**
**J.-A. ROUSSEAU**
U.F.E., 34, rue de Chabrol
PARIS (10e)

Les textes à publier doivent être toujours dactylographiés avec double marge et double interligne.

Prière d'envoyer des clichés et non de simples photographies.

Les manuscrits non insérés ne sont pas renvoyés.

Joindre 0,80 F. en timbres pour tout changement d'adresse.



## COTISATIONS

**U. F. E.**

| | |
|---|---|
| Membre Titulaire | 30,- |
| Membre titulaire junior (- de 21 ans) | 15,- |
| Membre Donateur | 45,- |
| Membre Bienfaiteur | 75,- |
| Membre Titulaire à Vie | 600,- |
| Membre Donateur à Vie | 900,- |
| Membre Bienfaiteur à vie | 1500,- |

**U. E. A.**
(ces cotisations s'ajoutent aux précédentes)

| | |
|---|---|
| Membro Jarlibro | 17,50 |
| Membro Jarlibro (- 22-jaraj) | 9,00 |
| MembroAbonanto | 35,00 |
| Membro Abonanto (- 22-jaraj) | 27,00 |
| Membro Subtenanto | 52,50 |
| Dumviva Membro | 700,00 |

Nota: Nous rappelons que les cotisations doivent toujours être adressées au Trésorier du Groupe local ou à défaut au Trésorier de la Fédération.

-o-o-o-o-o-o-o-o-o-o-o-o-o-o-o-o-o-o-o-o-o-o-o-o-o-o-o-o-o-

### FONDUSO DOMO

| | |
|---|---|
| S-ro TABERNAT | 115 |
| Anonimulino | 300 |
| S-ro PASCAL | 100 |
| S-ro MICOUD | 100 |
| F-no ROBIN | 10 |
| Anoj de la Feder. "RHONES-ALPES" | 130 |
| Feder. NORD | 100 |
| S-ro JULLIEN | 100 |
| S-ro EPSTEIN | 20 |
| S-ro PAUL | 10 |
| S-ro DUFLOT | 10 |
| S-ro MILAN | 20 |
| S-ro JAEGY | 10 |
| Sumo 10-a listo | 1025 |
| Antaŭa sumo | 7382 |
| Nova sumo | 8407 |

### FONDUSO POR LA KULTURA SEMAJNO

| | |
|---|---|
| S-ro MICOUD | 100 |
| Pariza Federacio | 500 |
| Fed.Rhône-Alpes | 150 |
| Grupo de Dijon | 100 |
| Anonimulino | 50 |
| Pariza Grupo | 300 |
| S-ro GARRIGUE | 100 |
| Sumo | 1300 |

Membres Donateurs:
S-ino BOREL, S-roj TABERNAT, CURNELLE, DUCROCQ, JELENC, BELIARD, GOMEZ, EPSTEIN.

Membre Bienfaiteur:
F-ino M.T.BOITON

OFICIALAJ KOMUNIKOJ DE U. F. E.

KONSILIO - Bonvolu noti la adresojn de la novaj komitatanoj:

S-ro GIOVENAL, 3 place d'Helvétie - (69) LYON-06

F-ino TRIOLLE Renée, Résidence Consolat, Bâtiment A, Cage J, chemin du Littoral, (I3) MARSEILLE - I5è

F-ino NOURMONT Claude, 3 avenue d'Indochine, (13) AIX-en-PROVENCE.

ESTRARO - La nova estraro estas la sama, kiel antaŭe; vidu sur apuda paĝo 30.

KOMITATANOJ DE U.E.A. - Por la nova trijara periodo, ekde la 54-a U.K. en Helsinki, la reprezentantoj de U.F.E. ĉe la komitato de U.E.A. estas: S-ino VINCENT (Les Andelys) kaj S-ro ROUSSEAU (Paris).

KULTURA SEMAJNO I969 - Post la alvoko en F.E.Nº256, U.F.E. ricevis entute la sumon de 1300 F. (vidu aparte la liston de la donacintoj), kiu ebligas la organizadon de la Kultura Semajno kun 10 invititaj staĝanoj.

La Federaciestroj jam ricevis cirkuleron de la Sekretario pri ĝia okazigo de la 13a ĝis la 20a de venonta julio.

La grupestroj estas petataj sendi, kiel eble plej rapide, al S-ro F. BOYET, (3 rue Lebas, 49-ANGERS) pedagogia respondeculo de tiu Kultura Semajno, la nomojn de la eventualaj kandidatoj, kiuj devas esti pli ol 18-jaraj. Notu krome, ke ĉiu staĝano devos pagi aliĝkotizon de 10 F.

S-ro J. THIERRY zorgos pri la kultura kaj distra enhavo (prelegoj, ktp...)

PROPAGANDO - Ni rediras, ke estas je via dispono, por via esperanto-propagando - celtrafaj afiŝoj (eldonitaj de U.F.E. kaj E.G. en Angers) en la formato 40 x 60 (10 ekz. 3 Fr.) kaj 30 x 40 (10 ekz. 2,50 Fr). Sin turni al S-ro A. FRANGEUL, 42 rue du Pré-Pigeon (49) ANGERS por la mendoj, kaj pagi al C.C.P. : NANTES 290.79 de la "Groupe Espérantiste Angevin".

## L E O N   B E L H O S T E

Le 10 avril 1969 est décédé notre ami Léon BELHOSTE, de Fontenay sous-Bois.

Léon Belhoste, né le 29 janvier 1890, à Rouen, fut Directeur de Service à l'Hôtel de Ville de Paris. Dans le mouvement espérantiste, il fut longtemps membre du conseil de la S. F. P. E., puis de 1934 à 1957, trésorier de U. F.E. dont il était devenu l'un des présidents d'honneur.

Le Groupe de Paris s' honora de l'avoir pour président pendant quelques années. Il avait aussi, avant la première guerre, dirigé des cours d'espéranto. Il fut avec M.Doué le corédacteur du "kongreslibro" du 24me congrès universel (1932).

Nous prions Mme BELHOSTE d'être assurée que nous conserverons de notre ami le souvenir d'un homme dont l'action doit servir de modèle pour ses continuateurs.

NOUVEAU TRACT!

"Une langue auxiliaire commune pour tous les peuples du monde" (G.Rougetet) (en français)
15 exemplaires franco: 2,50 Fr.

oooooooooooo

POUR VOTRE PROPAGANDE

A.B.C. (G. Waringhien)..... 3,50 F.
L'Espéranto dans l'Enseignement (DENOEL).......... 1,50 F.
(plus frais d'envoi habituels)




Pluraj partoprenintoj en la unua komuna kongreso sendis al mi kaj al S-ro H. Heiss dankajn leterojn el sia urbo. La L.K.K.-anoj ĉu germanaj, ĉu francaj, ne povos respondi al tiom da personoj, sed ili kore dankas ĉiujn sendintojn.

La fakto ke la unua komuna kongreso sukcesis, kaj ke ĝiaj aranĝoj plaĉis al la pli multaj partoprenintoj estas por ni jam egan rekompencon, kiu repagas nian lingan preparan laboron.

Ciuj Federacioj ricevos kelkajn kongreslibrojn, kiuj donos al la nepartoprenintoj ideon pri la kvar belaj tagoj trapasitaj en Strasburgo.

F. KNECHT

°°°

RAPIDAJ IMPRESOJ DE KONGRESANO

Okazis la unua dunacia kongreso germana-franca en Strasburgo. Dum la tri/kvar tagoj paskaj, ĉirkaŭ 3 5 0 esperantistoj el ambaŭ nacioj - al kiuj aldoniĝis du belgoj, unu nederlandano, du italoj kaj unu sviso - miksiĝis en pluraj komunaj kunvenoj, di-servoj, bankedo, distra vespero, ekskursoj, ktp... La atmosfero estis simila al tiu de universala kongreso Al tio cetere helpiskun la loko de preskaŭ ĉiuj kunvenoj, la strasburga literaturfakultato, kun vastaj haloj ĉambroj, amfiteatroj.

La laboro, dum tiu kongreso,estis serioza. Krom la por ĉiu asocio germana kaj franca, pure naciaj aferoj, okazis interesaj kaj viglaj debatoj ĉirkaŭ la temo "Eŭropo" : en Strasburgo, ĉu ne? Ankaŭ ne mankis fakaj kunvenoj: de instruistoj, fervojistoj, UEA-delegitoj kaj aliaj. La organizado estis tre bona: al kiu direktiĝu la komplimentoj, al strasburganoj, al francoj kaj germanoj kune? Egale, ĉiu ricevu laŭ sia merito.

Aparte menciinda estas la ĉeesto, en la plej multaj kunvenoj, de la reprezentanto de la franca Ministro pri Nacia Edukado. Ĉu tiu fakto povas esperigi pli kompreneman sintenon de oficialaj instancoj fronte al lingvo kiu celas nur proksimigi la homojn, pere de komuna, kultura ilo, tute ne atencante la naciajn lingvojn? Oficiala akcepto de la urbestro al reprezentantoj de ambaŭ asocioj germana kaj franca, eble pruvas, ke ne ĉie sentiĝas ia malfidema rigardo al nia afero.

Tiu unua provo ŝajnas tre sukcesa. Se daŭrigota, ĝi estas bona rimedo, por tiuj, kiuj ne povas ĉeesti la ĉiujaran universalan kongreson kaj tamen deziras fratiĝi kun alinacianoj. Iom ĝena eble estos, ke tia organizado postulas renkontiĝon al la landlimoj, kaj ke, sekve, kelkaj regionoj vidos en tio malavantaĝon. Ĉu la unua dunacia kongreso franca-usona devos okazi en St-Nazaire?

Roger BERNARD

PROTOKOLO DE LA JARĈEFKUNVENO DE LA 61-a NACIA KONGRESO EN STRASBOURG

D-ro AIBAULT, prezidanto de U.F.E malfermas la jarĉefkunvenon je la 14h50 kun ĉeesto de ĉ.70 personoj.Li tuj donas la parolon al S-ro GRATTAPAGLIA, kiu prezentas du proponojn de la Itala Esperantista Federacio:

1) Starigo en ĉiuj landaj asocioj de Komuna Merkato de "Eŭropa Komisiono" por komuna kunlaborado sur tiu kampo;
2) Libera cirkulado de laboristoj en landoj de Eŭropa Merkato ( havas skemon de rezolucio por atentigo al instancoj, ke oni preterlasis la lingvan problemon).

Post interveno de Sro DENIS (Bar-le-Duc), kaj respondo de S-ro GRATTAPAGLIA, la prezidanto petas voĉdonadon. Per leviĝo de manoj: unuanima aprobo, krom unu.

Tuj poste la prezidanto alvenas al la tagordo:

1) Legado de senkulpigaj leteroj de

BABIN, ROUGETET, ROYER,
2) Elekto de protokolanto: BERNARD
3) Aprobo de la protokolo de la kongreso en Aix: unuanime aprobita,
4) Agada kaj Financa raportoj: S-ro BOURDEAUX en sia enkonduko bedaùras la malkreskon de la membraro. Tio laù li, ĉefe rezultas el la sinteno ne nur de la simplaj membroj, sed ankaù de la respondeculoj, kiuj ne posedas je sufiĉa alta grado "la batalemam spiriton" necesan. Kaj ni ĉiuj devas discipline labori: i.a. la kasistoj devas zorgi regule pri la enkasigo de ĉiuj kotizoj. Ĉar la informado estas la plej grava tasko en nia asocio, S-ro Bourdeaux prezentis sian demision de ĝenerala sekretario por povi doni sian tutan tempon al sia tasko de informado; sed li provizore restos ĝenerale sekretario, ĝis kiam estos trovita anstataùanto.

La prezidanto dankas S-ron Bourdeaux por la granda laboro farita.

S-ro DENIS demandas, kiel UFE povas helpi la bonvolemulojn, kiuj multe laboras, kaj elspezas propran monon por Esperanto. S-ro Bourdeaux respondas, ke laù la labora regulo de UFE, la lokaj grupoj devas peti helpon de la Federacio, la nacia asocio povas doni konsilojn.

Sekvas diversaj intervenoj de Sro TURIN pri Franca Esperantisto, Rousseau kaj Schwartz pri eblecoj trovi parizajn samideanojn dum la someraj monatoj; S-ro JOSSINET akcentas pri la granda sindonemo de F-no PAULIER.

5) Raportoj de la Federacioj: raportas pri Burgonja Fed. S-ro Cugny, pri Centro-okcidento S-ino Cheverry, pri Langvedoko-Rusiljono F-ino Vierne, pri Norda S-ro Giloteaux, pri Normanda S-ino Vincent, pri Orienta Sro Cuéné, pri Pariza S-ro Schwartz, pri Provenca S-ro Garrigue, pri Rodano-Alpoj S-ro Catil, pri Sud - Francio Pirenea F-ino Albault.

Pri GEE raportis S-ro Boyet, S-ro Thierry pri F.E.I. kaj S-ino Vincent pri Franca Katolika Ligo Esperantista.

S-ro Thierry atentigas pri la malkresko de ekzameniĝoj. S-ro WERMELINGER proponas ke FEI sendu gratulleteron al la sukcesintoj de ekzamenoj; venante el Parizo, tiuj gratuloj estus tre efikaj. S-ino VINCENT, S-roj GAUDRY kaj JOSSINET aprobas.

6) Franca Esperantisto - S-ro LEMAIRE riproĉas la malakuratecon; S-ro GAUDRY deziras, ke ĝi estu pli luksa, pli ampleksa. S-ro ASQUERI deziras ke ĝi estu tre simpla sed akurata. S-ro WERMELINGER petas pli interesajn artikolojn kaj pli etajn litertipojn, kaj proponas kunecon kun la germana revuo.

Respondante, S-ro Rousseau, provizora redaktoro diras, ke pro la malriĉaj financoj de UFE, F.E. povos esti tute ne luksa, sed simpla; li zorgos pri la akurateco, sed la presisto postulas unu monaton. Pli etaj litertipojn postulos pli altan koston.

7) Espéranto-Actualités - Pro la fakto ke la mendoj ne estis sufiĉaj E.A devis ĉesi aperi. S-ro LLECH-WALTER petas, ke aperu nur unu numero pojare, sed zorge redaktita kun seriozaj informoj. S-ro LEMAIRE (Lyon) diras ke la rodana-feder. aĉetas 2000 ekz. Kial la aliaj federacioj ne faras same? S-roj Rousseau kaj Bourdeaux, donas klarigojn.

8) Kampanjo 2000 - Tute fiaskis; ni daùrigu la klopodojn.

9) Voĉdona Komisiono- Raportas S-ro CHAPELLIER (Nancy):
Nombro de voĉdonintoj: 1099
Ricevis:
S-roj BABIN (1098), CUGNY (1084), GUILLAUME (1058) MARTIN (1099), POLY (1094) GIOVENAL (1096), F-inoj NOURMONT (1099), TRIOLLE (1097).

Ĉiuj kandidatoj estas re- aù-elektitaj.

10) Financa Komisiono -raportas S-ro DITACROUTE (Calais): La komisiono aprobas la kontojn kaj la laboron de S-roj Rousseau kaj Royer.

11) Laborplana Komisiono - raportas: S-ro ASQUIERI (Romans):
a) ĉe eldono de propagandiloj, ĉiam indiki sur ili la adreson al kiu sin turni;
b) UFE eldonu internan paĝon en F.E. kun la listo de ĉiuj membroj kun

ties profesioj; ĝi okazu en oktobro
c) U.F.E. rilatu kun sindikatoj de instruistoj kaj profesoroj, ke tiuj konsentu unu paĝon en sia revuo (kun informoj, anoncoj pri kursoj, ktp..)
ĉ) Paralele kun la publikaj kursoj U.F.E. instigu la lokajn klubojn rilati kun aliaj organizaĵoj por malfermo de kursoj;
d) Teĥnikaj recenzoj evoluu al pli precizaj;
e) starigi konstantan rubrikon en FE. por interŝanĝo de spertoj en la grupoj;

Debato estiĝas pri tiuj demandoj : la opinioj estas tre diversaj.

12) Rezolucioj: La rezolucio proponita de S-ro GRATTAPAGLIA, (I.E.K.), estas akceptita. La komuna rezolucio UFE/GEA estas unuanime akceptita.

La Prezidanto fermas la ĉefjarkunvenon je la 18h20.

Protokolanto
Roger BERNARD

Rimarkoj: S-ro ASQUIERI nepre deziras, ke oni precizigu la jenon: "se mankas mono por presigi luksan F.E., ni do eldonu modestan broŝuron sed tiu broŝuro nepre utilu, informante ĝustatempe pri kio baldaŭ okazos".

S-ro Rousseau klarigis la situacion pri la subvencioj: la malgrandigo de ili rezultas el reorganizaŝanĝo de la oficialaj instancoj.

°°
°°°

## R E Z O L U C I O J

1) La Unua Franca - Germana Kongreso de Esperanto, kunveninta en Strasburgo de la 4-a ĝis la 8-a de aprilo 1969,

aprobas la starigon de libera cirkulado de laboristoj en la landoj de la Eŭropa Komuna Merkato, kiel logika rezulto survoje al la unuigo de nia kontinento,

rimarkas, ke la lingva diverseco, malhelpas la laboristojn plene profiti tiun liberon, kaj akcentas la neceson doni al ili facilan rimedon por rekte interkompreniĝi kun la civitanoj de la aliaj landoj sur komuna neŭtrala bazo sen ies privilegio;

atentigas pri la praktika valoro de la Internacia Lingvo Esperanto, ne nur en la kampoj de scienco, kulturo kaj instruado, sed ankaŭ en komerco kaj industrio, kie gravaj firmoj jam utiligas ĝin por informado kaj reklamado,

proponas ke, en la landoj de Eŭropa Komuna Merkato, oni malfermu speciajn kursojn de Esperanto por la laboristoj, kiuj intencas iri eksterlanden por profesiaj celoj,

deklaras ke la Esperanto-Asocioj en la koncernaj landoj, pretas ĉiumaniere helpi al tiuj laboristoj kaj atendas ricevi specifajn taskojn tiurilate,

petas la starigon, ĉe la Eŭropaj Komunumo kaj Parlamento, de kunligaj organoj kun la reprezentantoj de la Esperanto-movado, pere de funkciuloj kiuj scipovas la Internacian Lingvon

-o-o-o-o-o-o-

2) La jarĉefkunvenoj de U.F.E. kaj G.E.A. decidas ke, en la venonteco, la du naciaj asocioj kunlaboru:
1) pri informado: rilatoj inter la du respektivaj informkomisionoj;
2) pri instruado:
 a) rilatoj inter la du instruistaj asocioj,
 b) rilatoj inter la du institutoj (ekz. samnivelig de ekzamenoj)
3) pri interŝanĝoj inter grupoj (ĝemeliĝoj, ktp...)
4) pri organizado de komunaj regionaj interrenkontiĝoj,
5) pri progresigo de enkonduko de E° en la profesiajn, turismajn, kaj aliajn fran-germanajn rilatojn;
6) pri koncentrigo de informado al la Eŭropa Movado.

-o-o-o-o-o-o-o-o-o-o-

La ĝenerala sekretario sincere dankas al niaj amikoj BOYET, GARRIGUE, GUILLAUME kaj LLECH-WALTER kiuj bonvolis akcepti la reprezentanton de la Ministro pri Nacia Edukado, kaj lin akompani por partopreni ĉiujn erojn de la kongreso.

DELEGITOJ DE U.E.A. - En la kadro de la kongreso okazis kunveno de la francaj kaj germanaj delegitoj de UEA, entute 33 personoj. S-ro Becker, ĝenerala sekretario de U. E. A. kiu ĉeestis tiun kunvenon respondis je la nomo de tiu asocio.

Rilate la laboron de la francaj delegitoj, 96 personoj respondis al la enketo de la ĉefdelegito. Tiuj personoj ricevis 452 petojn (201 pri turismo, 34 pri laboro, 13 pri religio, 15 pri radio, 189 pri diversaj aferoj aŭ temoj. Ili akceptis 589 eksterlandajn vizitantojn.

Laŭ la respondoj, oni scias ke 21 komercistoj scipovas la lingvon.

Oni menciu aparte ke Germanujo, kaj Francujo estas la du plej gravaj landoj laŭ la nombro de delegitoj.

-o-o-o-o-o-o-o-

Sed la kongreso ne havis nur laborajn kunvenojn. Vi legu nun sur la apuda kolono la raporton pri la diversaj distrajeroj de la programo:

oooooooooooooooooooooooooooooooooooo

JUNAJ ESPERANTISTOJ, kiuj interesiĝas je volontula laboro,

JEN ESTAS unika kaj entuziasmiga tasko por VI: instrui la internacian lingvon en labor-tendaroj en Francujo aŭ en Nederlando.

Se vi ne jam kapablas instrui, vi povas helpi la instruanton per praktigado de la lingvo: amuzi, kantigi, ludigi la lernantojn en esperanto, prepari teatraĵeton kaj aliajn.

Se vi kapablas nek instrui nek amuzi, restas la ebleco partopreni kiel helpanto.

Por sciigi viajn dezirojn (en kiu lando, organizaĵo, periodo) vi ŝatus helpi kaj por peti informojn,

SKRIBU al:

Fraŭlino M. J. LEROUX
21, allée Gabriel
94-CHOISY-le-ROI

AMUZA VESPERO okazis dimanĉon la 6-an de aprilo, en tri partoj:

Folkloraj dancoj: vigla grupo de dancistoj en alzacaj kostumoj prezentis tradiciajn dancojn de la provinco. Tiucele ili taŭgis la salono de Neudorf, kiu konsistas en vasta kvadrata ĉambro, kaj kies muroj estas vicigitaj tabloj k a j seĝoj tiel, ke la gespektantoj liberigas la centran parton por la dancado. Tamen, ĝuste pro tio oni povas demandi al si, kial la dancistoj, revenante duan fojon en la vespero, ne uzis la avantaĝon, kaj okupante iom tro longe la scenejon, ĝenis kaj malfruigis la varietean parton.

Varieteaj prezentaĵoj: El la programeroj oni povis rimarki gejunulajn kantojn, prestidigitiston, unupersonan teatraĵeton, telefonan dialogon, kanzonojn kaj teatran unuaktaĵon. La prestidigitado, estis elstare farita en klara kaj agrabla lingvo. Interesaj numeroj estis: "Ei mia la man' cigan'", "kanzono kun mimo; "Nun nur forges'!"; "Kristiana" unurolula drameto; "La telegramo" adapto el la fama konata dialogo kun nevidebla telegrafistino... Sur ŝia esperanta konversacia fadeno sonoras: "La statuo de Peter Peneter min rigardas.....". Fine, kronis la programon "Porcio de glaciaĵo" plaĉe ludita de la teatra grupo de Hamburgo. Unuvorte, eĉ se la salona aranĝo montriĝis pli favora al dancado ol al spektaklo, tia distra parto donis tre ŝatindan tonon esperantan; kaj meritas nian dankesprimon ĉiuj, kiuj kunlaboris kaj kontribuis en la unua franca-germana varieteo.

Balo: La vespero plilongiĝis ĝis la dua matene, kaj la pli-malpli junaj povis en tre simpatia etoso fratumi kaj piedumi ĝis-sate.

Ekskursoj: Lunde posttagmeze pluraj aŭtobusoj veturigis la kongresantojn al la konata kastelo de Haut-Könisbourg; marde du aŭtobusoj kondukis la partoprenantojn ĝis Baden-Baden, kaj poste tra mirindaj germanaj pejzaĝoj, kun la surprizo vidi ankoraŭ neĝon apud la Mummel-lago.

nnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnnn

Nova prezo:
La Sankta Biblio (bindita) 16,50 F

G.E.E. G.E.E.

## KIO OKAZIS EN STRASBURGO?

Ĉiuj scias pere de la diversaj revuoj, kiuj estis la plej gravaj okazajoj laŭ la ĝenerala vidpunkto. Mi nur intencas reliefigi la fakan aktivaĵon dum tiu franca - germana kongreso.

Sabate la 5-an de aprilo, estis la unua faka kunveno de instruistoj; ĝi konsistis en du partoj: unue, ĉiu nacia faka asocio kunvenis aparte, poste estis komuna kunveno.

Dum la unua fak-kunveno por la francoj estis kvazaŭ "kongreso" de G.E.E. En la kunveno partoprenis 19 membroj, nombro kiu estas granda aŭ malgranda laŭ la vidpunktoj. Mi prezidis la kunvenon, kaj unue informis pri la referendumo organizita de G.E.E. Tiam, mi estis ricevinta 100 respondojn. Se oni kalkulas laŭ la kotizoj pagitaj, estis tiam 206 membroj, ekskluzive de la simpatiantoj, kaj oni povas tiel nombri la rezulton de la referendumo:

| | |
|---|---|
| enskribitaj | 206 |
| voĉdonintoj | 100 |
| sindetenoj aŭ malfruoj | 106 |
| respondo "jes" | 100 |
| respondo "ne" | 0 |

Konsekvence, oni povas opinii, ke la asocio aprobis mian proponon prezentitan en la cirkulero sendita komence de marto 1969. Tial, mi tuj provos organizi la diversajn servojn

Post tiu enkonduko, mi petis ke la homoj faru demandojn, por ke eventuele estu debato. Iu demandis: "Kial estas faka asocio?" Mi respondis en la sama maniero, kiel estis presita en F.E.N°246 p.96. Tiam S-ro TURIN aldonis precizigojn pri la pasinteco de G.E.E., la grava rolo de F-ino Dedieu kaj de S-ro Micard. Li aludis pri la novaj manieroj lerni sen instruisto dank'al sonbendoj, li petis, ke estu rilatoj inter la instruistoj kiuj laboras en U.F.E., kaj tiuj, kiuj ne laboras en U.F.E., kaj ke oni propagandu pere de la sindikataj bultenoj. Li fine citis ekzemplon de propagando: en la loka gazeto de la nuna ministro pri nacia edukado estis artikolo pri la kongreso en Strasburgo.

Parolante pri la funkciado de la asocio, S-ro DENIS proponis, ke estu sendependa bulteno, kaj S-ro TURIN memorigis pri la presmaŝino posedata de G.E.E. kaj nun de S-ro Bidoit. La tempo mankis por pridiskuti tiujn temojn, ĉar estis la momento akcepti la germanajn kolegojn. Unu ĉeestanto protestis kontraŭ la fakto, ke en kongreso koincidas la kunvenoj de la instruistoj kun la ekskursoj, ĉar okazis sama fenomeno en Aix kaj en Strasburgo.

Kiam la germanoj ekpartoprenis la kunvenon, post reciprokaj salutoj, S-ro SONNABEND, prezidanto de la faka asocio, alparolis la tutan kunvenantaron. Li unue aludis pri la enketo de I.L.E.I. (vidu en F.E. 257) p.25). Li anoncis, ke la kongreso en Helsinki studos la problemon: "Kiom da registaroj estas pretaj akcepti Esperanton en la lernejoj". Poste li parolis, pli speciale al la francoj pri la situacio en Germanujo okcidenta, kie estas diversaj ministroj pri instruado. Li menciis la deziron de la germanoj pri ekzameno ĉe la nivelo de mezgradaj lernejoj, kaj la enkondukon de Esperanto en la pedagogiajn altlernejojn.

Por kunlaborado inter la du asocioj, S-ro SONNABEND antaŭvidas reciprokan helpon de iu lando al la alia por klopodoj antaŭ la instancoj kunvenoj de ambaŭ asocioj, kaj eldono de faka gazeto (tutmonda), kaj petas por tio, kaj abonantojn, kaj tradukantojn.

Sed la tempo pasis rapide, kaj estis la momento ĉesigi la kunvenon; la diversaj manieroj kunlabori estos pritraktataj de ambaŭ konsilioj de la fakaj asocioj.

La dua kunsido faka okazis lunde matene je la 10 h. La reprezentanto de la franca Ministro pri Nacia Edukado, kiu jam estis ĉeestinta en diversaj ĝeneralaj kunvenoj, ankaŭ ĉeestis tiun lundan kunvenon. Laŭ la

programo, S-ro SONNABEND devis prelegi pri "Rousseau", tial mi interkonsentis, ke mi prezentos lin, kaj enkondukos la debaton, kiu sekvos la prelegon. Tio okazis; ĉar mi rolis, kiel prezidanton, mi ne povis samtempe roli kiel protokolanton, tial mi ne povos detale raporti pri la debato, kiu sekvis la prelegon de S-ro Sonnabend.

Mi nur diros,ke la demandoj estis sufiĉe abundaj kaj interesaj; ni havis la okazon interŝanĝi ideojn kaj spertojn pri la organizo de la instruado en la du landoj, kaj ke la Delegito de la Ministro povis konstati: unue, ke la esperantistoj bone interkompreniĝas dank' al la internacia lingvo; due, ke tiu lingvo ne estas artifiko por nur peti hotelon aù restoraciojn, sed taùga ilo por la pedagogiaj internaciaj debatoj.

Mi esperas, ke iam kaj ie, ni havos la okazon legi la prelegon de S-ro Sonnabend pri Rousseau; tial, vi nepre devas aboni la novan projektitan internacian pedagogian revuon. Mi nur diros tie, ke la temoj diskutitaj rilatis al la rolo de la familio kaj de la socio en la evoluo de la infanoj; tio kondukis al rimarko pri la stato de la socio, pri la revoluciema efiko de la teorioj d e Rousseau. Ĉiuj parolis sincere, sen iu ajn ĝeno; estis nek lingva barilo nek "klasa" barilo, nek "nacia" barilo.

Iam oni diris al mi "la kongresoj de U. F. E. ne estas interesaj, ĉar oni povas nur aùdi disputojn pri administraj aferoj, kaj ofte en nacia lingvo". Mi ne scias ĉu iam tio okazis,sed mi povas aserti ke,en Strasburgo, en tiu dunacia kongreso, kaj speciale en la fakaj kunvenoj kiujn mi partoprenis oni parolis serioze pri fakaj aferoj, en senbarila etoso La devo de Esperantisto ne estas grumbli pri antaùjuĝita kongreso, kie li ne partoprenis, estas kontraùe plej eble kiel multe partopreni la tutmondan vivon, ĉu per partopreno en kunvenoj, ĉu per abono al gazeto, ĉu per redakto de artikoloj... kaj se eble per ĉiuj rimedoj. Tial mi invitas vin atente legi la revuojn, sendi viajn opiniojn, kaj tiel vi pli ofte uzos la lingvon, memperfektiĝos per tiu uzo.

F. BOYET

Por promesi abonon al la pedagogia revuo, skribi al S-ro H. SONNABEND, 3161-DOLLBERGEN, Im Eckerkampsfeld, 11-a (Germana federacia respubliko).

-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-

## PRI LA INTERNACIA JUNULARA RENKONTIĜO

## de J.E.F.O. kaj G.E.J. en KEHL

La suno inundis la junulargastejon de la komenco de tiu renkontiĝo, (4.4.69) ĝis preskaù la fino (12/4). Malgraù la financaj malfacilaĵoj de la gejunuloj, 11 nacioj estis reprezentitaj. Tiuj du faktoj donis al tiu evento ĝian specialan etoson.

La fundamentan demandon "Kion deziras la nuna junularo?" ni klopodis respondi, ĉar por pliviglígi nian movadon, por trovi efikajn rimedojn, unue estas necese analizi la junularan psikologion. Pro tio, ni enketis en Strasburgo kaj en Kehl. Ni invitis junajn esperantistojn-eklernantojn - partopreni niajn kantojn kaj popolajn dancojn. Ni ankoraù demandis ilin, ĉu iliaj esperanto-kursoj estis sufiĉe taùgaj.

Ni speciale ŝatis la praktikan paroladon de S-ro GILOTEAUX por publikigi ĵurnalajn esperantistajn artikolojn, kaj la iniciatemon de Hans BAKKER por krei pli intiman ligiĝon kun gejunuloj el la tuta mondo.

Tiu suna kaj simpatia renkontiĝo bone organizita ĉefe de germanaj membroj, ne donis al ni la ŝlosilon por solvi ĉiujn problemojn, sed ĝi permesis al ni pli bone koni, kiamaniere oni de nun devas labori por pliviglígi kaj disvastigi Esperanton

Michel CAVELAN

## LE CONGRES FRANCO-ALLEMAND DE STRASBOURG DANS LA PRESSE

Le premier congrès jumelé d'espéranto, qui réunissait pour la première fois deux nations voisines a été largement et favorablement commenté par la presse nationale et régionale, la radio et la télévision.

Sous le titre "Les Espérantistes français et allemands partent à l'assaut de l'Europe", l'envoyé spécial du FIGARO, E. Thévenon, écrivait le 8 avril:

"...Depuis samedi, le grand amphithéâtre de la nouvelle Faculté des Lettres de Strasbourg, rebaptisé pour la circonstance du nom de l'inventeur de la langue, Zamenhof, abrite leurs travaux. Placées sous le haut Patronage de MM. Alain POHER président du Sénat, Edgar FAURE, ministre de l' Education Nationale, Maurice GENEVOIX, René CASSIN et de diverses personnalités allemandes, ces réunions doivent permettre, aux deux délégations d' échanger leurs points de vue et de coordonner leurs actions. Mais c' est aussi pour les espérantophones l'occasion de corriger un certain nombre d'erreurs que, selon eux, le grand public commet à leur égard. "Contrairement à ce que trop de gens croient, disent -ils, nous ne souhaitons nullement remplacer les langues existantes. Nous avons le plus grand respect pour les caractères nationaux et les particularismes. Ce que nous voulons, c'est offrir aux habitants de tous les pays un instrument pratique de communication. Comment, en effet, choisir, pour les relations internationales, le mode d' expression des uns sans offenser les autres?".

Ces deux thèmes, le Dr BORMANN, président de l'Association d' outre-Rhin et le Dr ALBAULT, de Toulouse, Président de l'Union française, devaient successivement le développer au cours de la séance solennelle Quarante experts représentant 18 pays membres du Conseil de l' Europe ont émis le voeu qu' avant 1988 chaque européen possède au moins deux langues. Les espérantistes voient dans cette résolution une chance qu' ils sont bien déterminés à ne pas négliger. La présence à Strasbourg, parmi les observateurs, d' un représentant de M. Edgar Faure est d'ailleurs interprétée ici très favorablement...".

-o-o-o-

Le 9 avril, rendant compte du bilan des travaux du congrès, il écrivait sous le titre "Des classes expérimentales d'espéranto dans une Faculté, demandent les délégués réunis à Strasbourg":

"...Après quatre jours de travaux et avant de s'égailler dans les petites "winstub" à la découverte de la gastronomie alsacienne, les quatre cents espérantophones français et allemands réunis à Strasbourg ont adopté une résolution. On retiendra de ce texte la décision des deux délégations de renforcer leur coopération, et de mener une action commune auprès des Pouvoirs Publics et des organismes européens. C'est ainsi qu' un bureau permanent d' information va être mis en place à Strasbourg avec la participation d'Italiens, de Néerlandais et de Belges... Enfin et c'est peut-être l'essentiel, les délégués demandent que soit étudiée la possibilité de créer des classes expérimentales d'espéranto, dans une faculté. On dit que cette idée pourrait trouver un accueil favorable auprès de certains membres du Ministère de l'Education Nationale".

"Le Monde" du 11 avril a consacré un petit article "L'espéranto à l'Université" reprenant une information d'agence.

"L'Alsace" édition bilingue des 6, 9 et 10 avril, les "Dernières Nouvelles du Haut-Rhin" (en allemand) du 6 avril, les "Dernières Nouvelles d'Alsace" des 6-7-9 avril, "Le Nouvel Alsacien" du 6 avril (édition bilingue), les "Dernières Nouvelles du Lundi", des 31 mars et 21 avril "L'Est Républicain-Le Lorrain" des 3 et 10 avril, "Nord - Eclair" du 19 avril, "Nord-Matin" des 6 et 17-4-69 "Le Provençal" du 10, le "Sud-Ouest" du 18/4 etc..

Le Secrétaire général de U.F.E. avait été interviewé pendant 3 minutes en direct à "Alsace-Lorraine-midi" et à la télévision. Rappelons que le congrès avait été annoncé une semaine auparavant à France-Inter et Radio-Luxembourg.

-o-o-o-o-

MARIE-FRANCE, dans son numéro de mai 1969 a fait paraître une interview de A. Bourdeaux ("Demain, nous parlerons Espéranto"), à l'occasion du cours que celui-ci donne au T.C.F. Un écho-express avait déjà été diffusé sur ce même cours en mars dernier par Europe n°1.

-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-

# VIVA DE LA GRUPAJ

ARRAS - En la seminario por estontaj instruistoj ekzistas esperanto rondo. Lastatempe la lerneja gazeto aperigis rimarkindan artikolon de PLUTNIAK, nova kaj fervora esperantisto, kiu trafe priskribis siajn spertojn.

BRUGES - Markola kongreso okazis samtempe kun la belga kongreso en Bruĝo la 3-4 de majo 1969.

HOUDAIN - Iniciate de K. kaj I. FIACZYNSKI okazis ekspozicio kies moto estis "Esperanto kaj Junularo".

LILLE - Esperanto-tago de la internacia komerca foiro de Lille okazis la 18-an de majo. El la tagordo: Esperanto-aranĝoj kaj kongresoj en Strasburgo, Kehl kaj Bruĝo, oficiala bankedo kaj akcepto.

MONTPELLIER - La filino de la Honora prezidanto de UFE, F-ino Colette Llech-Walter, profesorino pri latina lingvo, nun instruas esperanton al 20 lernantinoj de kolegio en Montpellier. Eksterlandaj korespondantoj estos bonvenaj; skribu al la profesorino, 16 rue de la Merci, (F) 34-Montpellier.

PERPIGNAN - La grupo organizos la 8-de junio internacian renkontiĝon, kiun partoprenos D-ro A. Albault, prezidanto de UFE kaj D-ro. Izquierdo, prezidanto de HEF. Alloga programo, kiu inkluzivas tagmanĝon kaj ekskurson al Bacarès kaj Leucate Prezo: 30 Fr. Ricevas aliĝojn k a j monon: Centre Culturel Espérantiste, 5, quai Vauban - Perpignan (C.C.P.n° 1343.58 Montpellier).

ROUBAIX - TOURCQING - Pro la 500-a datreveno de la ĉarto de la drapistoj, la Esperanto-rondo organizas traduk-konkurson pri Isabeau de Roubaix. La tekston petu, kun afrankita koverto, al "Esperanto, 3 allée Béranger (59) CROIX.

Dum filatelista ekspozicio, oni prezentis poŝtmarkojn pri D-ro L. L. Zamenhof, kaj kvar gazetoj raportis favore.

-o-o-o-o-o-

ESPERANTO..RADIO..ESPERANTO..RADIO..
===================================

On célèbre actuellement le 10-ème anniversaire des émissions quotidiennes de "RADIO-VARSOVIE". En effet, c'est au début de 1959, en prévision du 44-ème Congrès Universel d'Espéranto, que cette station polonaise avait entrepris la diffusion d'une émission quotidienne de 16h30 à 17h en Langue Internationale.

Il ne fait pas de doute que les auditeurs,assidus ou non, de cette émission, voudront manifester à la station de RADIO - VARSOVIE leur satisfaction pour le travail de propagande effectué jusqu'à ce jour en manifestant l'espoir d'une prolongation non discutée de cette utilisation planétaire de l'Espéranto.

Ce sont par contre et malheureusement des lettres de regret que les auditeurs adresseront à RADIO-BUDAPEST, qui a brusquement cessé ses émissions en Espéranto.

L'utilisation de l'Espéranto par diverses stations radio réparties dans le monde entier n'est pas assez connue. Nous aimerions pouvoir divulguer le plus grand nombre d'informations à ce sujet. C'est pourquoi nous prions les lecteurs qui ont la possibilité d'écouter de telles émissions de nous faire part de leurs résultats d' écoute; nous les utiliserons au mieux dans cette rubrique, que nous voudrions constante et bien documentée.

-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-

La "LIBRO DE LA JARO" en la plej vera senco de la vorto estas la JARLIBRO DE UEA (600 p. en du partoj) kiu enhavas absolute fidindajn informojn pri ĉio, kion persono scianta la Internacian Lingvon bezonas por utiligi tiun scion por praktikaj celoj.

Fariĝu individua membro de UEA por ricevi ĝin senpage en 1969.

Vidu la kotizojn sur la 2-a paĝo de tiu numero.

-o-o-o-o-

POR BATALEMA SPIRITO
====================

En tiu rubriko ni intencas reliefigi la penadon de niaj grupoj, federacioj kaj ankaŭ izolulojn por la konstanta vigligo de nia landa asocio.

-o-

TOULOUSE - Okaze de sia ĝenerala
======== kunveno, la Sud-Francio-Pirenea-Esperanto-Federacio prenis interalie du gravajn decidojn:

a) starigi federacian perkorespondan kurson, kiu ekfunkcios en septembro;

b) organizi grandskale la ekspozicion de la Libro Esperanto (muntita de S-ro Lentaigne) tra sia tuta regiono. Jam estas antaŭviditaj 20 ekspoziciojn en la ĉefaj urboj, de novembro ĝis aprilo. Kompreneble tiu unua listo ne estas limiga.

Krome, eldono de 7000 broŝuroj de minimume 20 paĝoj, kiu konsistos el unu paĝo da reklamoj, unu paĝo dediĉitaj al Esperanto k.t.p. La reklamoj devos pagi la presigon de la broŝuroj, kaj la gajno ebligos organizi ankoraŭ pli bone la ekzpoziciojn.

PERPIGNAN - La membraro malkreskis
========= ĉe la federacio Languedoc-Roussillon, kaj, konsekvence ĉe UFE ĉar ne estis ebla trovi anstataŭantojn por instrui esperanton en tri lernejoj pri mastrum-instruado en Perpignan, Espira-de-l'Agly kaj Rivesaltes. F-ino Vidal kaj Sro Llech-Walter deĵoris dum dek jaroj, sed ĉar la kursoj okazis dum la laborhoroj, ne estis eble daŭrigi. Bonvolemulojn, ĉar la kursoj estas senpagaj oni ne trovis!

Sed nun, dank' al geinstruistoj Serre, kursoj malfermiĝis en lernejo ĉe nova kvartalo "Moulin à Vent"; instruisto Cardona instruas ĉe la lernejo Racine,profesoro Masson gvidas konversacian kurson, F-no Vidal zorgas pri la infanoj kaj S-ro Llech-Walter kunligas ĉion. Do espereble baldaŭ la Federacio kaj U.F.E. retrovos sian tutan membraron.

SEMINARIO POR KURS- kaj GRUP-GVIDANTOJ -- GRESILLON 23/2 - 1/3/1969

-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:

Tiu seminario estis organizita de G.E.E. dum la tiel nomataj "Karnaval Ferioj". Ni intencis organizi du restadojn, unu por ĉiu "zono", sed pro nesufiĉa partoprenontaro la unua (norda zono) ne okazis. Nur la dua, por suda Francujo, okazis.

Partoprenis 14 infanoj, el Hennebont, kun sia esperanto-instruisto, S-ro LE MAGADURE kaj 8 aliaj personoj el Avignon, Marseille, Perpignan kaj Bergerac. La respondeculo estis S-ino TRESORIER, sed fakte, S-ro LE MAGADURE, pro la ĉeesto de siaj lernantoj, faris preskaŭ ĉiujn kursojn, kaj havis la plej grandan laboron.

La restadintoj alvenis iom post iom dimanĉe kaj la laboro komenciĝis lunde. Je la 9h.30, ĉiutage,dum unu horo, la infanoj havis lecionon, kaj poste, dum ili bone amuziĝis en la parko sub gvidado de 18-jara junulo, ankau el Hennebont, la ĉeestintaj instruistoj kritikis la lecionon kaj interŝanĝis multajn informojn pri diversaj spertoj, metodoj, travivaĵoj.

Posttagmeze, oni promenis aŭ ekskursis, kaj je la 17 h. denove la plenkreskuloj kunvenis por ankoraŭ labori.

La unuan tagon, lunde, S-ro LE MAGADURE faris lecionon al siaj gelernantoj, kaj klarigis al ni, kiel kiam kaj kial okazas liaj kursoj en Hennebont.

Liaj esperanto-lernantoj ne estas el lia klaso, sed el klaso "cours moyen" por infanoj 10-11-jaraj. Ilia propra instruisto lernas samtempe kun ili Esperanton. La infanoj havas unu-horan lecionon ĉiusabate, en la kadro de la oficiala horaro (komprenеble kun la permeso de la lernejinspektoro, kaj aprobo de la lernejestro). Pro tio la tuta klaso (ĉ. 30 lernantoj) ĉeestas regule. Nur duono venis al Grésillon, ĉar la gepatroj devis pagi la restadon, kaj ne ĉiuj povis. Ili apartenas al simplaj laboristaj familioj.

La metodo estas rekta. S-ro LE MAGADURE uzas la Junulkurson de SAT sed la infanoj ne havas libron. Ili notas la novajn vortojn sur kajero, dum la leciono, kaj oni multe paroligas ilin. Post la leciono, ili ricevas de la instruisto paperfolion kun la presitaj novaj vortoj, kaj simplaj klarigoj. S-ro LE M. preparas tiujn foliojn, kaj multobligas ilin, tiel ke nur la lernitaj objektoj troviĝas sur ili. La "Junulkurso" li ne sekvas blinde, sed ĝi estas nur fadeno por la progreso en la lernado. Liaj lernantoj ankaŭ korespondas per Esperanto al eksterlando, kaj kunlaboras al la gazeto "Grajnoj en Vento". La alveno aŭ sendo de korespondaĵoj ebligas ankaŭ instrui novajn vortojn, kaj grandigas la intereson al nia lingvo per ĝia praktiko.

La infanoj ŝajnis al ni tre interesataj dum la leciono. Ili vigle partoprenis la kurson, kaj eĉ poste provis uzi la ĵus lernitan materialon inter si.

S-ino HUMM, el Avignon, prezentis al ni la aŭdo - vidan metodon de T. Sekelj. Tiu metodo entenas 24 fiksajn filmojn de po 18 bildoj, kaj du sonbendojn. Ĝi kostas proksimume 250 Fr. kaj estas kompletigita per flugantaj folioj, kiujn oni povas disdoni al la lernantoj, kaj kiuj estas aĉeteblaj aparte. Sur tiu folio, oni trovas la samajn bildojn,kiel sur la filmo, kaj sub ĉiu el ili estas presita la frazon, kiun oni aŭdas dum la leciono. Per ili, la lernantoj post la leciono povas revizii ĝin hejme.

La bildoj rakontas la travivaĵojn de juna paro ĉirkaŭ la mondo. Ĉiu leciono entenas 2 aŭ 3 novajn gramatikajn punktojn. La instruanto prezentas bildon, kaj samtempe funkciigas la magnetofonon, k i u aŭdigas simplan frazon. La lernantoj ripetas la frazon ĥore, (sen traduko fare de la instruanto). Oni reaŭdigas la frazon por ke la lernantoj aŭdu ĉu ili eraris, kaj ili ripetas ĝin denove. Poste; oni montras la sekvantan bildon, kaj agas same, dufoje

ripetigante la frazon. Kiam la lernantoj vidis la tutan filmon, bildon post bildo oni denove prezentas ĝin.

En tiu dua parto de la leciono anstataŭ aŭdi nur frazon, oni aŭdas demandon kaj respondon (tiu respondo estas la frazo aŭdita dum la unua prezento). La lernantoj devas ripeti la demandon kaj la respondon.

En tria prezentado de la sama filmo, oni aŭdas nur la demandojn, kaj la lernantoj devas doni la respondon.

Ciuj ripetadoj aŭ respondoj estas farataj ĥore, sed de tempo al tempo, la instruanto paroligas iun individue.

En kvara prezentado, oni ne plu uzas la magnetofonon, sed la bildoj estas nur preteksto por novaj demandoj, fare de la instruanto, en kiuj oni uzas alimaniere la studitan materialon. En tiu fazo la instruanto povas doni kelkajn gramatikajn klarigojn en nacia lingvo. Tiu paroliga parto estas la plej interesa post 3 aŭ 4 lecionoj, ĉar la lernantoj jam povas fari verajn konversacietojn.

Vi do vidas, ke ĉiu leciono estas tre longa, kaj daŭras almenaŭ 3-4 horojn, laŭ la lerteco de la lernantoj. Ankaŭ ĝi estas metodo por plenkreskuloj.

La ideala ritmo estus 3 lecionoj de po unu horo ĉiusemajne, sed estas malfacile postulebla de personoj, kiuj laboras la tutan tagon. Ĝi ja postulas streĉan atenton, precipe dum la unuaj lecionoj, kiam la lernanto tute ne konas esperanton, kaj devas alkutimiĝi al ĝia elparolado.

La metodo estas nur aŭda dum la prezentadoj de ĉiu leciono. Nur poste la lernantoj ricevas la skriban tekston, kaj devas per si kompreni la gramatikajn regulojn.

Ni ankaŭ substrekas la uzadon de la magnetofona bendo sur kiu tri diversaj voĉoj, du viraj, unu virina aŭdiĝas. Tio kutimigas la lernantojn al diversaj voĉoj, proponas perfektan elparolon, ebligas ĉiam senŝanĝan ripetadon de la modelaj frazoj.

En posta artikolo, S-ino HUMM diros, kiel ŝi adaptis la metodon al la kondiĉoj, kiujn ŝi renkontas por fari sian kurson.

S-ino TRESORIER prezentis lecionon laŭ la CSEH-metodo, kies principo estas la sama, sed oni ne uzas magnetofonon. La instruanto devas paroligi la lernantojn ripetigante frazojn, kiujn li proponas, kaj respondante al demandoj, kiujn li faras Li devas zorgi, ke la lernantoj parolu pli ol li mem. Ekzemple, li ne demandos "ĉu hundo estas besto", ĉar li ricevus la mallongan respondon "jes" aŭ "jes hundo estas besto",sed prefere faros tian demandon "cu hundo estas objekto" por ricevi la longan frazon "ne hundo ne estas objekto, sed hundo estas besto".

La Cseh-metodo postulas varian materialon. La instruanto devas esti vigla, kapabla instrui per amuza maniero. Ĉiu leciono instruas gramatikaĵon, kaj la instruanto devas atingi, ke la lernantoj mem malkovru la novan lernitaĵon.

La idealo estas, ke la instruanto ne parolu la nacian lingvon de la lernantoj, estu de fremda lando,tiel ke la lernantoj penu ĉiam uzi esperanton kun li. Tio estas ankaŭ tre efika por ekde la unua leciono montri ke Esperanto estas uzebla internacie.

Ĉiu posttagmezo, la ĉeestantoj (instruistoj) kunvenis por diskuti pri diversaj metodoj (kurslibroj), uzeblaj dum kursoj. Unuanime oni konkludis, ke la rekta metodo estas la plej interesa por parolaj kursoj. Tamen, ekzistas bonaj metodoj laŭ la tradicia metodo "traduki-skribi"kiuj taŭgas por aŭtodidakta lernado. La Junulkurso ŝajnas la nun haveblan plej facile uzeblan metodon por infanoj. Aliaj metodoj de francaj kaj eksterlandaj verkistoj estis ankaŭ pridiskutitaj. Aliaj artikoloj parolos detale pri tiu punkto de la restado.

Oni ankaŭ interŝanĝis ideojn pri viglligo de la grup-kunvenoj, sed bedaŭrinde, neniu el ni povis montri rezulton konvinkan, kaj ni konstatis ke estas tre malfacila tasko por

grupestroj.

Vespere, post la manĝo, oni ankoraŭ kunvenis kaj libere diskutis babilante pri personaj spertoj, kongres-travivaĵoj, ktp...

Jaudon vespere ni havis la plezuron akcepti grupeton el Baugé, gejunuloj kiuj lernas sen instruisto Esperanton. Ni babilis kaj kantis kune kaj, inter alie, ni bedaŭris ke la prov-lecionoj (metodoj Sekelj kaj Cesh) estis prezentitaj al infanoj kiuj jam lernis sufiĉe da Esperanto, kaj sopiris, ke estus multe pli konvinka la rezulto, se la lecionoj estus prezentitaj al personoj, kiuj neniam lernis ĝin. La Baugé - anoj tiam promesis, ke ili provos sendi al ni venontan tagon kelkajn neesperantistajn infanojn. Vendredon posttagmeze alvenis 9 infanoj 10- ĝis 14 jaraj, kiuj neniam komencis studi Esperanton. S-ino Trésorier estis prezentita al ili kiel fremda, kaj faris al ili la unuan lecionon de la Cseh-metodo. La rezulto estis okulfrapa. Post iom hezita elparolo, la lernantoj baldaŭ vigle interesiĝis, kaj respondis,kaptinte la ĝustan akcenton kaj elparoladon tre rapide. Ili tre bedaŭris, post la leciono,ke ne estis eble daŭrigi la kurson en Baugé la sekvontajn tagojn, kaj esperas partopreni la somerajn kursojn

Kiam ni ne kunvenis por labori,ni faris kelkajn ekskursojn. La vetero estis iom freŝa kaj nuba, sed ne multe pluvis, kaj ni iris piede al la fama dolmeno. Alian tagon ni vizitis Baugé, ĝian urbodomon kaj ĝian hospital-farmacion,kaj legom-kulturentreprenon, kiu produktas laŭ "biologia metodo" (t. e. tute ne uzante ĥemiajn terplibonigaĵojn), k i e ni admiris belege verdajn kaj sanajn laktusojn, vera tapiŝo en varma ĉambrego (700 m2).

Alian tagon, ni iris perbuse al la zoologia parko "Tertre Rouge". La vizito ege interesis ĉiujn, precipe la infanojn, kiuj poste faris en Grésillon belegajn desegnojn, kiujn ili sendos al siaj korespondantoj.

Konklude, la restado estis tre agrabla al ĉiuj. Ni povis konstati kiel komforta estas nun la kastelo, ĉar, malgraŭ la ekstera malvarmo, ni preskaŭ ŝvitis en la bone varmigitaj ĉambroj. Ni opinias, ke tiuj kiuj hezitis restadi en la KulturDomo, dum tiu malvarma sezono, timante la malbonan hejtadon, tute eraris k. ni esperas ke, venontan jaron, n i povos refari tian kunvenon kun multe pli da partoprenantoj.

Estas la deziro formulita de ĉiuj kiam vendredon nokte la unuaj forlasis nin, por rekomenci la lernej-laboron.

ooooooooooooooooooooooooooooooooooo

## 54-a UNIVERSALA KONGRESO - HELSINKI-
-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-

Ekskursoj ne-oficialaj, anoncitaj en la Dua Bulteno estas tute sendependaj de la U.K. La gvidistoj parolas plurajn eŭropajn lingvojn, sed NE la internacian.

Diapozitivojn pri Helsinki ĉiu esperantista societo povas prunte ricevi de Fondumo Esperanto (Esperantotie 4 Iirislahti-Helsinki. Temas pri 36 diapozitivoj pri la urbo de la 54-a U. K. Sonbendaj notoj akompanas la bildojn (24 x 36 mm - kadro 5 x 5).

Nova K.K.S. estas S-ro Mikulaŝ NEVAN ĉeĥo, kiu transprenis la oficon e l la manoj de S-ro Pompilio, kiu eksiĝis post 7-jara funkciado.

Statistiko indikas ke, ĝis la 16/4, aliĝis entute 1445 personoj, el 35 landoj. La laŭlanda analizo montras ke Francujo havas la trian lokon kun 120 partoprenontoj, post Suomio (315 kaj Svedujo 197).

Dek karavanoj celos al Helsinki. Inter ili estas tiu organizita de UFE, laŭ la programo aperinta jam en la oktobra numero de la revuo. Ĝis nun, pli ol 40 personoj aliĝis. Ĉiuj jam ricevis cirkuleron kun la lastaj detaloj kaj informoj pri tiu vojaĝo.

-o-o-o-o-o-

# TRADUKA KONKURSO
# POR LA LINGVOAMANTOJ

## TIPAJ SOLVOJ

Teksto n°11, 5 - "Les linguistes contemporains se refusent à les connaître..."

En vérité, nous ne pouvons pas nous flatter que notre langue donnerait aux chercheurs la clef de la pensée sur le fonctionnement de la pensée ou bien sur l'origine de la parole. Ce n'est p a s moins un fait, que l' usage d' une même langue par des hommes éduqués dans des langues nationales les plus différentes, que la façon dont un Hongrois, un Italien, un Chinois, un Anglais ou un Japonais s' adapte à la composition des mots et des phrases en Espéranto, que les réactions d' esprits aussi divers à la structure d'une langue qui ne leur est pas imposée de l'extérieur mais qu' ils sentent comme la leur propre - tout cela pourrait apporter d' utiles éclaircissements à la question si controversée de savoir s'il existe une sorte de grammaire absolue, une espèce de logique de base communes à tous les hommes. C' est encore un fait, que l'Espéranto fut publié en 1887, qu' il n' était à ce moment-là qu' un projet sur le papier contenu dans quelques pages d'une petite brochure, et que depuis lors il est devenu une langue vivante de quelques centaines de milliers de personnes - en d' autres termes, que pour la première fois dans l'histoire des hommes, on a pu assister à la naissance d'une nouvelle langue; il s'agit d'un tout autre phénomène, et d' une importance beaucoup plus grande pour la science, que la simple remise en usage d'une langue "morte", comme l' hébreu ou bien la langue irlandaise, qui ont e u dans le passé une vaste littérature, et qui n' ont jamais été véritablement hors d'usage, même si ce dernier n'ava it cours qu'entre prêtres et érudits; il s'agit en l' espèce d'un commencement au sens absolu du mot - et peut-être que de l'étude d' un phénomène aussi unique les spécialistes pourraient tirer des conclusions précieuses et étayer de solides hypothèses sur la nature sociologique du langage, sur son caractère traditionnel et affectif, sur ses voies de diffusion, etc... Eh bien, ces deux faits, les linguistes contemporains se refusent à les connaître - car il est tout de même invraisemblable qu' ils les ignorent purement et simplement.

(extrait de "Lingvo kaj Vivo" du Prof. G. Waringhien)

---

Teksto n°11, 6 - Fortulo kaj Saĝulo

La Papo, kiu ĝis tiam ne ĉesis sidi senmova, kvazaŭ egipta statuo, malrapide relevis sian kapon duone kliniĝintan, melankolie ridetis, siajn okulojn suprendirektis kaj diris kun kvieta ekspiro, kvazaŭ li konfidus penson al sia nevidebla gardanĝelo:

- Commediante !

Bonaparto eksaltis de sia seĝo kaj impetis kiel vundita leopardo. Kaptis lin vera kolero, unu el liaj galkoleroj. Li unue paŝis senvorte, mordante al si la lipojn ĝissange. Li jam ne cirkle turniris ĉirkaŭ sia predo kun fajnaj rigardoj kaj ruza irado, sed li paŝadis rekte kaj firme, laŭlonge kaj larĝe, abrupte, piedfrapante siajn spronajn kalkanumojn. La ĉambro ekvibris, la kurtenoj ekskuiĝis kiel arboj ĉe la proksimiĝo de tondro; ŝajnis al mi, ke estis okazonta io terura kaj ega; la haroj doloris al mi, kaj sur ilin mi metis la manon malvole. Mi ekrigardis la Papon; li ne moviĝis; sole nur, li streĉis ambaŭ manojn sur la aglokapoj de la fotelbrakoj.

La bombo eksplodis subite.

- Komedianto ! Mi ! Ah, komediojn mi donos al vi, ĝis mi plorigos vin ĉiujn kiel virinojn kaj infanojn...

(Extrait de "Servitude et Grandeur militaires" de A. de Vigny)

K O M E N T O J

El 14 konkursantoj, nur du trovis la fontojn kaj aùtorojn; la esperantan tekston unu atribuis al E. Privat, kaj tri al I. Lapenna; la francan unu al A. Thiers, unu al iu moderna aùtoro, kaj du al F.R. de Chateaubriand.

° Ignoras - "Ignori" signifas pli ol nescii, ĝi implicas la intencon konscie preteratenti.

° Esplorantoj - ĉe la kunteksto: "chercheurs".

° Kabineta projekto - Multaj tradukis laùlitere: "projet de cabinet"; la franca ekvivalento estas "projet sur le papier".

La sola malfacilaĵo de la esperanta teksto kuŝis en la frazaranĝo.

(°)

° A demi baissée - Preferinde: kliniĝinta ĉar supozeble la kliniĝo okazis sen intenco.

° Leva ses yeux en haut - suprendirektis siajn okulojn

° Soupir paisible - Sopiro entenas la ideon de bedaùro, deziro, aspiro; ĉi tie la Papo simple ekspiras.

° Commediante! - Preferinde ne traduki.

° Colères jaunes - En la franca lingvo la furioza kolero povas esti blua, flava, aù ruĝa laù la temparemento: estas dubinde, ke tiaj esprimoj povas esti internaciaj; verfakte, tiaj koleroj estas humoraj reagoj, kaj tial ni elektis la esprimon: "galkoleroj".

° Marche cauteleuse - La adjektivo subkomprenigas ideon de ruzo, insido.

-o-o-

Rezultato je la dato de la Kongreso:
Gajnis:

1) S-ino J. VINCENT, 65 poentojn
2) S-ro E. CHICOT , 63 poentojn
3) S-ro G. TURIN , 62 poentojn

La legantoj estas petataj traduki la du jenajn tekstojn, kaj sendi siajn provaĵojn ĝis unu monato post la aperdato de la koncerna numero al UFE-TK, 34 rue de Chabrol, Paris.

Teksto n°11, 7 (el esperanto en la francan):

En komforta ĉambro sur la dua etaĝo de la "Hôtel d' Anjou", Liza penseme sidis sur la mola konfuzo de larĝa, komplete disĉifita lito.

Tra la ĵaluzio, kun la nebridebla ardo de julia mateno, la granda inkviziciianto senhonte esploris la sekretajn trezorojn de ŝia rava formo, kiun ĉemizo el tro delikata punto apenaù vualis. La okuloj fermitaj, unu manon al la lipoj, ŝi aspektis blanke blanka kiel ĵusnaskita ŝafido. Sur la fono de la jam nefreŝaj littukoj, ŝi povus konvinke ilustri reklamilon pri la lesivpulvoro kun la frapfrazo: "LAVIL lavas pli blanka"! Tamen, se nenion kaŝi al vi, ŝi ne plu estis tute virga, almenaù korpe. Nenio pli facile difektiĝas ol virgeco. Kiel la alumeto, ĝi servas nur unufoje. Ted, ŝia angla amanto, ekbruligis la alumeton en momento de entuziasmo, cetere kun ŝia plena konsento, kaj la perfekta idilio konsumiĝis.

Ted posedis multajn el la kvalitoj, kiuj nepre plaĉas al virino eĉ plej postulema. Kaj inter liaj etaj mankoj, facile kalkuleblaj per la fingroj de kripla mano, la plej atendinda estis, ke li fumis iom malmodere. El la cindroj kaj stumpoj de egiptaj cigaredoj, kiujn li jam bruloferis, oni povus konstrui imponan piramidon. Se vi mem observis fumantojn, vi rimarkis, ke la cigaredoj postulas alumetojn, pli ol la pipo aù cigaro. Jes, ja, ekzistas fajriloj, sed ĉu vi jam vidis unu normale funkcianta? Se jes vi vidis miraklon. Aù sukcesan demonstracion de lerta vendisto.

Kiam li ne havis pli urĝan okupon Ted serĉis alumetojn. Tiun ĉi matenon, frue post la duŝo, li rapide

sin vestis, metis la ĉapelon, sin ameme klinis al Liza ankoraŭ varma en la duonombro de la lito kaj flustris:....

-o-o-o-o-o-

Teksto n°11, 8 (el la franca en esperanton):

(Klariga noto: Augustin, la ĉefpersono de la romano, eksciinte, ke li estas tuberkuloza, ĵus rompis prepariĝantan fianĉiĝon).

La nuit fut presque bonne. Sa dose de soporifique lui fit un long sommeil. Dans l' inertie reposée du matin, il se sentit vaguement confus Ne pouvait-il éviter de tourner sa pensée vers les côtés inabordables? Peut-être même aurait-il pu la veille? Il suffisait d'un petit effort, n'est-ce pas? d'une petite sollicitation vers autre chose. Il avait écrit la lettre qu' il devait écrire Il avait eu raison. Que voulait - on qu'il fît d'autre? et de quoi se plaignait-il? que se fut produit ce qu'il avait cherché? qu' aucune exception spéciale ne lui fût réservée dans la destinée générale des hommes ...Il n'était qu'un faible, un lâche Ce qu'il fallait faire de ces beaux jours précieux, c' était de les mettre ensemble, comme au milieu d'un linge blanc, puis nouer les quatre bouts. Et c'était fini.

Il sentit gonfler et déborder des profondeurs de ce mot "fini", une inondation de désespoir, comme la veille, exactement comme la veille, mais cette fois, un mou, pluvieux, indéfinissable désespoir...Un faible et un lâche!... Il avait pourtant l' exemple devant lui! Un faible et un lâche. Ces deux mots avaient une sorte de mollesse tactile, une saveur, comme un mois auparavant le mot de mort, et il les retournait aussi dans la bouche. Ils avaient le goût des pleurs, d e s résignations plates, des renoncements abandonnés, tout un écoeurant mélange de chagrins, d' attendrissements et d' anciens bonheurs. Dans quelques années on ne saurait plus si ces moments heureux avaient été véritables où espérés, ou rêvés; on ne saurait plus bien. Tout serait confus. On ne distinguerait plus. Alors à quoi bon distinguer maintenant? Il n' y avait qu'à laisser le tout dans son irréalité misérable. Car c' était bien là forme que cette aventure aurait prise plus tard, s'il y avait eu un plus tard, lorsqu'il eût été vieux, s' il avait pu devenir vieux? Ah! fou, fou, fou!... C'était çà, son désespoir.

ççççççççççç

Diferencigaj demandoj

1) kiuj aŭtoroj verkis la ekstraktojn?
2) el kiuj verkoj venas la ekstraktoj?

mmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmmm

ESPERANTO kaj TURISMO

Ĉu vi legis la artikolon en la revuo Esperanto (1/69) : "Esperanto, por la Turismo; kiel vi povas kunlabori?"

Oni konstatas, ke tre grava estas la esperantaj prospektoj por konigi nian lingvon.

Tial ni devas sciigi kiujn urbojn jam posedas tiajn turismajn prospektojn. Ĉu oni ne povus peti de ĉiu delegito pri turismo, ke li starigu la liston de tiuj urboj en sia regiono, kaj sendu ĝin al UFE por publikigo en nia revuo, kaj poste en la Internacia Gazeto por Turismo?

Ankaŭ estus utile, ke estu pli multe da delegitoj pri turismo, por helpi la eksterlandajn samideanojn, kiuj pli kaj pli vizitas nian landon

A. CONTART

==========

oooooooooooooooooooooooooooooooooooooo

Ce numéro a été préparé le 15 mai achevé d'imprimé le 27 mai et expédié aux abonnés le 31 mai 1969

-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-:-

Ni akiru bataleman spiriton....
Legu la specialan rubrikon....

POR NE PLU PAGI KOTIZON ĈIUJARE.....

fariĝu DUMVIVA MEMBRO DE U. F. E.per unufoja pago de kotizo laŭ la ĉi-suba tabelo:

membro abonanto...... 600 Fr
membro subtenanto.... 900 F.
membro bonfaranto.... 1500 F.

Ĝiru vian kotizon senprokraste al la poŝtĉekkonto de la kasisto de via loka grupo aŭ de via federacio!

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

Afin d'appuyer l'action entreprise au Touring-Club de France (communiqués dans la Revue, deux cours,) nous prions cordialement les espérantistes membres de cette association de se faire connaître à notre Secrétariat, rue de Chabrol, en indiquant de préférence leur numero matricule du T.C.F.

C A R N E T   F A M I L I A L

NOS PEINES

Nous avons appris avec peine le décès de M. JACQUESSON, professeur à la Faculté de Poitiers, et président d'honneur de la Maison Culturelle Espérantiste de Grésillon.

Nous adressons un souvenir ému à cet excellent espérantiste et ami,et nos sincères condoléances à sa famille.

NOS JOIES

Nous avons appris le mariage de Marie-Thérèse JUCHAULT (Agen), avec Robert LLOANCY (Tesserre),

et la naissance d'ALAIN, fils de nos amis THIERRY-LETERME.

Qu' ils croient bien tous à la sincérité des voeux que nous formulons pour leur bonheur.

xxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxxx

## MIA ESPERANTA RESTADO EN IRLANDO

## KAJ ANGLUJO

Dum la lastaj paskaj ferioj, mi libertempis kun ĉarmaj geesperantistoj: Ges-roj Brownlee. Mi preparis mian vojaĝon antaŭ longe!

Kaj nun, ni foriris de Upminster por partopreni la 53-an britan kongreson de Esperanto. Ni prenis la pramŝipon en Holyhead, sur la insulo Anglesey. Post tri horoj, ni alvenis en Dun laoghaire. Por la unua fojo mi estis sur la irlanda tero! Ni tuj veturis al Dublino.

Tie okazis la kongreso en Trinity College. En la inaŭguro de la kongreso parolis gravaj personoj. Ni estis proksimume 170 kongresanoj,kaj el ili 12 eksterlandanoj.

Ĉiutage, ni havis la eblecon partopreni diversajn kunvenojn; ni fakte estis tre okupataj. Sabaton vespere okazis balo, sed kvin personoj iris, kun s-ro Addis, ĉe la irlanda televido. Tie, ni rigardis la sendilon, kaj s-ro Addis parolis pri Esperanto kaj la kongreso, kiu finiĝis dimanĉon vespere, kaj estis plensukcesa.

Dum la lundo, ni faris belan ekskurson en Glendalough (Wicklow); la tuta pejzaĝo estis belega. Mi nur deziras reiri iun tagon en tiun ĉarman landon!

Mi deziras danki s-rojn Addis kaj O'Reilly pro ilia bonega arangô, kaj laboro, ĉar ili preparis la tutan kongreson.

Poste, ni reiris al Anglujo. Survoje al Upminster, ni vizitis kun ges-roj Brownlee iomete Kimrujon kaj ankaŭ vidis multajn urbojn. Inter ili la universitatan urbon Oxford k. Stratford-on-Avon, kie naskiĝis Shakespeare.




Le Gérant: BOURDEAUX
CPPP N°21755
SITEC Imp.188 Fbg saint-Denis-Paris.


oooooooooooooooooooooooooooooooooooo

Mi povus ankoraŭ longe paroli pri mia restado!...

En mia koro restas belega kaj ĉarma memoraĵo pri Irlando kan Anglujo. Mi dankas Ges-rojn Brownlee kaj ĉiujn kongresanojn en Dublino pro ilia afableco kaj ĝentileco.

Sylvie BONNET

(Les Andelys)

N.B. - Grave helpis min en la efektivigo de tiu vojaĝo stipendio de la Zamenhofa Kulturcentro en les Andelys.

-o-o-o-o-o-o-